# ESPERANTO

Internacia Gazeto eldonata de la Universala Esperanto-Asocio


# Jaro finiĝas, jaro komenciĝas.

## Jarfino - La jaro 1937 - La situacio en Esperantujo - Novjara penso

### Jarfino

Jarfino. Tago de meditado pri la jaro pasinta. Kaj ofte eliĝas la konsola dirajo : « *Nu, ĝi ja estus povinta esti ankoraŭ pli malbona* ». Dank'al tiu ĉi sinkonsolo, homoj kiel kolektivoj ĉerpas la necesan forton por eniri novan jaron kun nova kuraĝo kaj fido. Tiu ĉi relativeco de ĉio tera estas unu el la kaŭzoj, ke neniam la espero je pli bona estonto estingiĝas.

*Tre multe, homar' kun espero en*
*[koro*
*Pri vivo estonta parolas,*
*Kaj ĉiam al celo feliĉa kaj ora*
*Aliri plej baldaŭ ĝi volas.*
*Jen mondo ekvelkas, jen ree*
*[disfloras*
*Sed homo esperon senĉese adoras.*
(Schiller).

Jarfino. Tago de esploro, alie dirite de bilanco. Ĉu la nun pasinta jaro respondas al la kalkuloj faritaj, ĉu realiĝis ĉio kion oni atendis de ĝi ? Kaj post maldolĉa konstato pri okazinta eraro aŭ ĉagreno eliĝas la konvinka diro : « Nu, estonte io ne plu okazu ».

Jarfino. Tago de penso pri la estonto. Tago de bonaj intenco, plano kaj de sinpromeso. Mildiĝas la sento, okazintajoj eĉ la plej malagrablaj aperas sub alia lumo. Ĉiu sentas la alvenon de io nova, de io pli bona.

Ho, feliĉa iluzio, kiu permesas al ni daŭrigi niajn penadojn en niaj aferoj, en niaj flankaj interesoj. Sen tiu ĉi espero la vivo ne valorus esti vivata.

### La jaro 1937

Pliakriĝis la situacio en la tuta mondo kaj katastrofo plurfoje minacis. Okazintajoj, kiuj en pasinto estis rekte kondukintaj al sanga disputo, estas nuntempe nuraj nervtikloj. La sento de respondeco (aŭ de timo?) je la sekvoj, haltigas ĉiun, ne provi la lastan eventualecon. La senpera sekvo de tiu ĉi balancado estas la kreskanta malkredo je interŝtataj aranĝoj. Kaj la dua sekvo estas la armigado, kreskanta supermezure.

Daŭras la civila milito hispana. Kun teruro ni ĉiuj rigardas al la oriento, kie sen la bona malnova kutimo, deklari militon al la alia, okazas tia, kun ĉiuj kruelajoj. Devoj rezultantaj el kontraktoj, interkonsentoj aŭ aranĝoj, ne plu estas respektataj. La dinamikaj fortoj triumfas ! Kaj tamen. Ĉu ni rajtas pesimisme rigardi ĉion tion ? Ĉu ne estas eble ankaŭ nia kulpo, eta ero de kulpo en la grandaj konfliktoj ? Ĉu la ekonomia bonstato iama, ne kondukis rekte al la forgeso de niaj devoj kiel civitanoj kaj kiel homoj. Tro multe ni fidis al la paperaj deklaroj, leĝoj, dekretoj. Mankis la agoj. Mankis la solidarecaj agoj de homo al homo, de popolo al popolo.

La rezulton ni vidas nun. Sed en ĉio malbona troviĝas la ĝermo de io bona. Dank' al ĉi tiu certeco, ke venos tamen tempo kian ni deziris, esperis kaj por kiu ni batalis, ni ĉerpu la kuraĝon, daŭrigi en la batalo.

### La situacio en Esperantujo

Post la gravaj ŝanĝoj okazintaj en 1936, la situacio nun montras certan stabiliĝon, almenaŭ en internacia sfero. La stato ne estas brila : Du internaciaj organizaĵoj, laborantaj laŭ sama maniero. Sed evidentiĝas, ke tio ne povos daŭri longe. Iam oni retrovos bazon de komuna laboro kiam malnovaj aferoj estas reguligitaj.

*UEA mortos baldaŭ*, rapide elkriis iuj en 1936. Nu, la vero estas, ke ĝi ekzistas. Ne plu tiu-ĉi impona organizaĵo de antaŭ 1933. Sed kion ĝi perdis laŭ ekstera aspekto ĝi gajnis je interna forto. La konstruo de 1933-1934, antaŭvidis egaligon de la du fortoj sin balancantaj Sed mankis elementaj kondiĉoj, kaj estas precipe tio, kio kondukis al la disfalo.

La bildo ne estus kompleta, ne menciante la staton en la unuopaj landoj. Nur en kelkaj regas konkordo inter la Esperantistoj. Ĉie fantomas la sama malpaco, kvereloj abundas kaj floras la klaĉado.

Kaj niaj samlingvanoj en la laborista kampo same batalas pro perdiĝinta unueco. Montriĝas, ke eĉ la firma ligilo — la konscio pri sama klaso kaj komuna idealo — ne povis kunteni la disiĝantajn opiniojn.

### Novjara penso

Kion ĝi alportos, la nova jaro ? Jen demando farata de milionoj. Kaj kion ĝi alportos por nia kara lingvo ? Ni ne atendu miraklojn. Ĉefa kondiĉo por ke ni atingu pli promesigan staton, estas la reveno de trankvila situacio. De ĝi dependas ĉio.

Apud la penado propaganda, la esperantistoj ne forgesu la zorgadon pri la idea flanko de la movado. Vere la interna ideo de Esperanto, pri kio oni tiam disputis, estas la puŝforto de nia agado. Kio ĝi estas do, tiu ĉi interna ideo ? Ĝi estas nenio alia, ol la konvinko, ke per nia laboro ni partoprenas en la penado por la paco, ke ni konscie subtenas la postulon de egala rajto por ĉiu gento kaj nacio, kaj ke ni vidas en la homo nur homon. Kaj super ĉio regu la toleremo.

La jaro 1938 estas la trideka jaro depost kiam UEA estis fondita. Ĉi tiu trairis jam plurajn krizojn, sed ĉiam sukcesis transpasi ilin. Estas do tute certe, ke ankaŭ la nunan ĝi venke trairos.

Al ĉiuj kunbatalantoj por UEA laŭ la malnovaj principoj, la Provizora Komitato esprimas sian dankon por la valora kunhelpo dum la finiĝanta jaro kaj por la preteco daŭrigi en la nova. Al la esperantistoj en landoj militantaj simpation kaj partoprenon en aflikto.

*Ho, ne ! gi ne estas elpenso mal-*
*[vera,*
*Per revoj malsaĝaj naskita !*
*Ni scias, ni sentas kun kredo*
*[sincera,*
*Ke estos esper' plenumita,*
*Kaj tiu ĉi sent' ĉu estas kapabla*
*Nin trompi en nia revajo agrabla?*

## Esperanto en poŝta uzado

Sur paĝoj 4-5 troviĝas kunigitaj specimenoj de ĉiuj poŝtmarkoj, poŝtkartoj kaj stampoj kun teksto en Esperanto. Post kompletigo ni intencas presigi laŭ sama grandeco sur fortika luksa papero, servebla tiel por ekspozicioj. Propagandistoj kiuj interesiĝas pri tio povos ricevi ekzempleron je tre malalta prezo 1,50 Fr. sv. Dek ekzempleroj zorge enpakitaj por 10 Fr. sv.

Ekspozicia Servo.

## Haltu, ho junuloj !

Junularo de la tuta mondo, ĉu vi akceptos morgaŭ detrui pacajn urbojn kaj buĉi virinojn kaj infanojn ? Ĉu vi deziras tiun teruron por viaj propraj urboj kaj propraj amatoj? Ĉu vi ne ĉiuj estas anoj de la sama vasta familio ?

Vin demandas kaj vokas la voĉo Zamenhofa, ne de unu homo kuŝanta en tombejo, sed de tiu homara sento, kiun li esprimis per tuta vivo, per tuta verko.

Dum la sonoriloj en malluma nokto kantas la pason de jaro al alia, turnu vin interne por aŭskulti la voĉon. Ankaŭ *via* ĝi estas, intime kaj profunde, ĉar ni ĉiuj estas membroj unuj de l'aliaj.

Vi estas pretaj morti por alta celo: batali kontraŭ maljustaĵoj, por egaleco de via lando, por ties vivrajto aŭ sendependeco por justeco al via klaso, aŭ por libereco de via penso, por malriĉaj homoj aŭ malriĉaj landoj kontraŭ la riĉaj, por nacia ordo aŭ internacia disciplino.

*Haltu!* Ambaŭflanke regas idealoj. La diversaj celoj inspiros la kontraŭajn kampojn. Haltu momenton antaŭ ol vi rajtos vidi nur la malbonon ĉe la malamikoj, nur la belon ĉe via flanko.

Kion vi sentas, se vi estus junulo de l'translima lando? Dum kelkaj eroj de l'eterna tempo metu vin en lian haŭton kaj en lian penson por lin kompreni. Dum vi batalus kaj buĉus por idealo, ankaŭ li kredus same.

Celoj diversaj inspiras vin al morto kaj mortigo, sed malantaŭ vi regas interesoj kaj profitoj tre similaj, antaŭ ĉio la riĉiĝo de pafilfarantoj. Ĉu vere viaj celoj estas tiom kontraŭaj, dum la diabla profito estas tiom unueca?

Ho karaj kaj naivaj herooj, aŭskultu la voĉon eĉ momenteton antaŭ ol ekpafi. Ĝi proponas al vi porti viajn celojn kaj idealojn sur la rondan tablon de la homa familio kaj ilin kompari.

Ne ĉiuj estas kontraŭaj. Multaj estas justaj en ambaŭ kampoj. Malriĉaj homoj kaj malriĉaj landoj rajtas vivi. Por eviti malordon kaj ŝtelon necesas justeco kaj egaleco. Simile ŝtelo kaj malordo ne estas metodoj pli taŭgaj internacie ol enlande. Perforto venenas ĉian problemon.

Post milito vi devus fari pacon kaj tamen solvi la problemojn, tiam pli malfacile pro la vekitaj malamoj, suferoj, venĝemoj. Rigardu la sperton de 1919. Kio estis la granda eraro tiam? Estis akcepti nur la duonon de la programo Wilson'a: provi starigon de Ligo de Nacioj kaj internacia leĝo, sen akcepto samtempa de la dua postulo: nek venkintoj, nek venkitoj.

Vi ne permesas denove la saman eraron, ĉu? Do se la paco devas esti sen venkintoj nek venkitoj, kial do fari la militon ? Kial ne fari la pacon antaŭ la milito dum estas ankoraŭ tempo? Pli saĝa oni diskutus nun ol poste. La ĝisnunaj spertoj sufiĉas por montri la koston de la detruo kaj la koston de la maljusteco.

Anstataŭ ĵeti vin kaj viajn celojn unu kontraŭ la aliaj esploru ilin kune kaj aldonu ilin por esti justaj al ĉiuj.

Malfacila tasko? Sendube, kaj oferplena, sed ĉu pli, ol gajni militon kaj fari daŭran pacon poste?

Haltu kaj pripensu, ho junuloj bravaj. Se libera penso ne rajtas esprimiĝi en tiu aŭ alia lando memoru ke ĝi ankaŭ ne rajtas plu ĉe vi, se milito venus. Do pensu, dum ankoraŭ estas tempo.

Edmond PRIVAT.


# Universala Esperanto - Asocio

Centra Oficejo : Nuna adreso : Palais Wilson, Genève, Svislando

# Interŝtata Esperanto-Akordo

**Ĝefa ideo : Ses registaroj reciproke promesos : Ni enkondukos la instruadon devigan de Esperanto en ĉiujn lernejojn de nia lando, se vi promesos fari la samon**
**Gvidanto de la penado : D-ro Antoni Czubrynski, Wesola 32, Wlochy pod Warszawa (Polujo)**

## La nerimarkita vojmontrilo

La Jubilea Kongreso en Varsovio eldonis « Oran Libron » kies « Paĝoj de Profetajoj » enhavas enketon inter 37 bone konataj gvidantoj de la E-movado pri la demando : kiel ili imagas al si la estontecon de Esperanto post 50 jaroj, sekve en 1987.

La respondoj estas mozaiko de plej diversaj opinioj, ofte atentindaj kaj prudentaj, sed en la fin-rezulto (krom eble unu de D-ro Adam Zamenhof, laŭ mi la plej trafa) ili preskaŭ ĉiuj vidas antaŭ si la kurtenon de nebulo tute sen iu vojmontrilo, aŭ maksimume unu metron antaŭ siaj piedoj.

Estas vere malĝoje, ke la ĝisnuna movado en la opinio de plej eminentaj, energiaj agantoj kvazaŭ rigidiĝis en la formoj de la ĝisnunaj propagandaj metodoj kaj ne vidas aliajn, kiuj garantius la plenan venkon. La predikado pri persisteco, laboro, solidareco, unueco havas komprenenble sian valoron, sed tio-ĉi ne sufiĉas. Se ni eĉ ĉiuj en pli alta grado ol nun posedus ĉi-tiujn virtojn, ni tamen ne multe farus, se mankus la vojmontrilo. Tiu-ĉi montrilo estas deduktebla el ĉi-tiuj eldiroj de 37 agantoj.

Jen kio estas pli-malpli komuna en tiuj opinioj : 1) estas utopio esperantigi la multmilionajn naciojn nur per kursoj, organizitaj en luitaj societejoj esperantaj, 2) oni povas esperantigi ilin nur per deviga instruado de Esperanto en la lernejoj per la fakaj instruistoj, salajrataj kiel ĉiuj aliaj kaj egalrajtaj kun ili.

Kaj tie-ĉi ekhaltas preskaŭ ĉiuj. Ili ne scias, kiel agi por ke Esperanto estu devige instruata. Ĉu tio-ĉi estas tiel malfacile diveni ?

Tiun-ĉi problemon solvas ideo pri Interŝtata Esperanto Akordo, t.e. pri la samtempa enkonduko en la lernejojn komence en ses ŝtatoj, kiuj promesas ĝin devige instrui, se aliaj la samon promesos. Kial ĉiuj eminentaj agantoj ekhaltis antaŭ tiu-ĉi bariero ? Ĉar tiu-ĉi ideo ne estas popularigita, kvankam oni laboras pri ĝi jam de 1920.

Estis farita unu eraro : Oni ĉion tro alcentrigis en unu manon anstataŭ transdoni la tutan laboron kaj dividi ĝin inter la naciaj IEAk-komitatoj kiuj ĉe si klopodus varbi siajn ministrojn por tiu-ĉi celo. La laboro de D-ro Edmond Privat en 1922-1928 estis promesplena, sed poste oni nenion, aŭ preskaŭ nenion faris por tiu-ĉi ideo.

Nune la procedo estu decentraligita. Ekspeda centro estu en Ĝenevo, kie la tuta penado pri IEAk komencis, kaj kie estas Ligo de Nacioj, kunveniganta multajn ministrojn kun kiuj oni povas rilati pri IEAk. Tamen la sorto nin gardu antaŭ la ripeto de la eraroj submeti al ilia neprepareco kaj malkompetento la ideon pri IEAK.

En Ĝenevo estas la dissendejo de la komunikoj al ĉiuj organizajoj naciaj, sendepende de iliaj simpatioj al UEA aŭ IEL. Sed efektive ne estos unu centro, sed multaj naciaj centroj, kiuj zorgos ĉe si pri IEAK kaj alsendados la raportojn pri ilia laboro al aŭtoro de la ideo, kiu entreprenis gvidi ĝin ĝis la fina venko. Mi, resumante la ricevitan materialon, sendos la cirkulerojn al Ĝenevo, de kie oni ilin pluen dissendados. Jen la plej simpla kaj laŭ mi la plejbona procedo : *multaj centroj kun plena memstareco labora.*

Kiam mi retrospektive trarigardas, kion la Esperanta mondo ĝis nun faris, — laboron efektive grandegan — mi konstatas kun miro, ke kvankam oni konsideris la problemon pri la venko de Esperantismo kiel demandon de estonteco oni kvazaŭ ne klopodis pri ĝi, vivante per la estonteco. La rigidiĝo de la formoj de propagando kaŝis kaj perdigis al Esperantistoj la grandajn perspektivojn kaj celojn tiel, ke ofte oni zorgis pri malgravaĵoj, banalaĵoj kaj alkutimiĝadis komplete al la aktuala stato de movado. Unuflanke regis tre vigla vivo interna de klubejoj kaj societoj, aliflanke obstina indiferenteco, kiel ĉe antikvaj romanoj, ne komprenantaj kreskantan kristanismon.

Ĉu iagrade ne estas interesa esprimo pri « dum-vivaj membroj » ? Ĉu dum la tuta vivo de iu membro nenio ŝanĝiĝos tiagrade, ke tio-ĉi povus malaktualigi la tutan membran « dumvivecon » ? Ĉu ĉiuj niaj zorgoj ne daŭros ankoraŭ ne la vivon, sed dekkelkajn jarojn ? La nesufiĉe disvolviinta imagpovo estas ofte la kaŭzo de tiu-ĉi rigidiĝo de la ĝisnunaj formoj de propagando, ekster kiuj iuj samideanoj opinias, ke kiel nun estas, tiel estos ĉiam kaj en la nebulo de estanteco perdas la vojmontrilon, kiu estas IEAK. Oni skribas saĝajn artikolojn pri estanteco, sed la vojon oni ne vidas.

Prave diris D-ro W. Róbin : « la mondo ne ŝatas tro longajn provojn, tro longan propagandan periodon. Ankoraŭ kelkaj fortaj atakoj kaj ni rompos la murojn » (Ora Libro, 215). Do ni elstreĉu niajn penadojn en la direkto de IEAK. Kiam ses ŝtatoj promesos samtempe enkonduki Esperanton en la lernejojn, tiam ni plu ne bezonos specialan interŝtatan konferencon por ĝin denove demandi pri la samo, sed ni demandos ĝin pri la detaloj de la organizplano de la instruado. Ni evitos ankaŭ la danĝeran saĝecon de diplomatoj el Ligo de Nacioj, kie oni ne povas en kolektiva pridiskuto perdi ĉion, kion oni en ŝvitpeno atingis en la apartaj intertraktoj.

Ni evitu konferencon, en kiu ni duafoje aŭdus la samajn deklarojn. Estus danĝere. Kolektive la homoj pensas ofte alie ol unuope. Unu falsa paŝo povas detrui ĉion.

Konferenco estas necesa, kiam ses subskriboj estos kolektitaj, sed konferenco pri la detaloj de realigo de *instruado* de Esperanto. Sekve konferenco pedagogia, ne diplomata.

Diversaj alegoriaj bildoj ekstaras antaŭ miaj okuloj iafoje.

Jen : la homoj en nebulo, vage, blinde sin moviĝantaj : ili nenion precize vidas, nur la konturojn de la tre proksimaj objektoj. Nenian vojmontrilon. Sed, samideanoj ! la vojmontrilo estas jam eltrovita : akordo de ses ŝtatoj. Jen ĝi ! Ni do marŝu antaŭen rekte, kuraĝe, ne flankiĝante kaj tra la densa nebulo videbliĝas jam la glata vojo priverŝita per sunradioj, *la vojo al triumfarko* !

Jen alia bildo : peze kliniĝintaj personoj semas verdajn ĝermojn. Malĝoje ripetas iliaj lipoj la frazon :

Cent semoj perdiĝas, mil semoj perdiĝas ni semas kaj semas konstante...

Kial ili perdiĝas ? Tute malnecese ! Sufiĉe da senĉesa semado! Tio-ĉi estis bona antaŭ jaroj. Ĉu vi neniam pensos pri la rikoltado ? El semoj ekĝermis jam la spikar-kampoj. Nun prenu la IEAK-falĉilojn en la manojn kaj ekmarŝu ĝoje al la rikolto !

Alia bildo : Sekretaj kunvenoj de kristanaj katakombaj societoj funebraj. Malmulte scias pri ili la roma ŝtato. Tio, kion ĝi scias apogiĝas je falsaj raportoj. Dum la tempoj de Publius Aelius Hadrianus (117-138) oni ankoraŭ ne komprenis la kristanismon, intermiksante ĝin kun la kulto de Sabazios, kvankam la tiama kristanismo faris jam grandajn progresojn. Oni ne volis kredi al ĝia forto. Kaj jen dekreto de Konstanteno-kaj finiĝas la katakombaj societoj ! Kristanismo venkis !

Niaj esp. kluboj, societoj estos organizajoj, pri kiuj la vasta popolo ne multe scias aŭ ne ĉiam bone, eĉ false. Kaj tamen alproksimiĝas la tempo de dekretoj en diversaj landoj. Veraj dekretoj de novaj Konstantenoj.

Jen alia bildo : En katakombaj societoj dormas kavaliroj de verda stelo. Ili rigidiĝis en la propagandaj metodoj. Ili dormas, iuj el ili eĉ mortprofunde. Sonĝante iliaj lipoj ripetas : « paŝo post paŝo, post longa laboro....» Sed ĉu vi jam tute forgesis pri « gloro » ?

Ho ! La sorto donu al mi la trombonojn, ke mi al Vi, dormantaj kavaliroj de verda stelo ekkantu tra ĉiuj landoj la veksignalon al la ekmarŝo el Viaj katakombaj societoj :

Revantoj pri espero, la dormantaj kavaliroj ! VEKIĜU, VEKIĜU !

Ĉu Vi min aŭdas sufiĉe forte ? VEKIĜU !

Flamantajn torĉojn de la sankta ardo mi volus jeti en Viajn korojn por ke Vi ekflamu plenspirite kaj diskonigu al la mondo ĝojigan sciigon :

For la nebulojn ! Antaŭ n rektavoje al la triumfarko de la Esperantistaro ! Plenforte elstreĉu la flugilojn ! Ho ! Kiel potencaj Vi povus esti, kiel potencaj, se Vi tiaj volus esti, se Vi komprenus la veksignalon de nova naskiĝante epoko.

Kiel varme ni dezirus, ke Vi ekkomprenu la vojmontrilon ! Vekiĝu ! Vekiĝu !

D-ro Antoni Czubrynski.

# Variaĵoj

### Centra Esperanto Librejo Bankastraat 10 s-Gravenhage (Nederlando)

En la lasta cirkulero pri la likvido de la nomita librejo la direkcio sciigas al siaj akciuloj, ke ĉiuj libroj estas venditaj. Laŭ la publikigita likvida bilanco la akciuloj ricevos, krom la jam repagitan tutan kapitalon,6% kiel findividendon, kiu estos sendata al ili per ĝirilo aŭ poŝt mandato en la templimo de 14 tagoj.

La societo estis fondata en 1920 precipe kun la celo servi la nederlandajn esperantistojn per la liverado de libroj kaj esperantaĵoj, ĉar en tiu tempo preskaŭ neniu libristo kuraĝis komerci ilin. Sed nun, kiam abundas la komercistoj de esperantaj libroj en Nederlando, ĝia tasko finiĝas.

La anonima societo seninterrompe pagis ĝis 1934 mezdividendon de 5,93% kaj senpage dissendis dek eldonojn de siaj esperantaj katalogoj.

Fine la estraro sincere dankas ĉiujn akciulojn, klientojn, en kaj eksterlandajn eldonistojn pro la fido, montrita al ĝi dum tiom da jaroj.

### Salutinda sukceso en Bulgarujo

La redakcio de grava ĉiutaga bulgara jurnalo « Zarja » disponigis ĉiusabate tutan paĝon por la bezonoj de la bulgara gesperantistaro. La redaktoro de la paĝo, S-no Arsen Grigorov, lerte gvidas ĝin. Jam aperis 17 numeroj. La rezulto estas mirinda. Ĝenerala reviĝiĝo de la enlanda movado, svarmo da kursoj kaj flamanta entuziasmo. Salutleteroj, instigoj, rekomendoj, konsiloj kaj pleje — artikoloj diverstemaj dezirindaj. Ĉion adresu al : Redakcija « Zarja », Bul. « Dondukov » 84, Sofia (Bulgarujo).

### Gvidantoj de Daŭrigaj Kursoj

kiuj deziras ricevi *Tute Senpage* la duan eldonon de la Plena Gramatiko de Esperanto en la redakto de Kalocsay-Waringhien — 500 paĝa grandformata libro, kun densa komposto kaj vendoprezo de usonaj dolaroj 2.86 — skribu tuj pri tio al la eldonejo Literatura Mondo, Budapest IX, Soroksári ut 38, Hungarujo, aŭ al sia kutima libroliveranto.

### Eŭkaristia Kunveno Tutmonda

La nombro de la aliĝantoj por la 34 Internacia Eŭkaristia kongreso estas tiom granda, rilate al la disponeblaj loĝlokoj, ke oni baldaŭ devos rifuzi la akcepton de pluaj aliĝoj.

*Do kiu volas ĉeesti, bonvolu kiel eble plej baldaŭ aliĝi.*

*La Unuan Eŭkaristian Esperanto-Mondkunvenon povas partopreni nur tiuj,* kiuj unue aliĝas al la 34. Internacia Eŭkaristia Kongreso kaj al tiu ĉi oni povas aliĝi *nur* pere de la landaj komisionoj, aŭ en landoj, kie ne ekzistas tia, pere de tieaj vojaĝoficejoj. Ankaŭ ili donas detalan informon pri ĉio.

Tiuj, kiuj intencas partopreni la 1.-an Eŭkaristian Esperanto-Mondkunvenon, aparte devas tion sciigi ankaŭ al la Esperanto Subkomitato. Budapest, Petőfi Sándor u.9.IV.3., aldonante 4 respondkuponojn, kiel kotizon.

La broŝuroj jam elĉerpiĝis, la afiŝoj kaj la glumarkoj ankoraŭ ne estas pretaj, do ni petas kelksemajnan paciencon.

### Internacia Konkurso por la Junularo

La Internacia Kristana Junulara Komisiono organizas la trian fojon internacian konkurson, dank'al S-ino Anna F. G. van Loan el Usono, kiu memore de sia edzo starigis fondajon por plivastigi la spiriton de internacia amikeco kaj kompreno inter la junularo.

*Temoj.*

En la kadro de la ĝeneral temo : « *Kristo kaj la Universala Frateco* » la konkurantoj devos pritrakti la temon jene :

« Kian specialan kunhelpon la Kristanoj povus alporti al la verko de la paco » ?

« La kristanaj fundamentoj de la paco ».

*Premioj.*

Por ĉiu kategorio la sekvantaj rekompencoj estas antaŭvidataj:

(Fr. svis.)

1 unua premio de 500.
1 dua premio de 300.
2 triaj premioj po 200.
2 kvaraj premioj po 100.
5 kvinaj premioj po 50.
4o honoraj medaloj.

Krom tio la konkurantoj kies verkajo akiros la mezvaloron, ricevos honoran mencion.

Ĉiu partoprenanto laŭreata ricevos memor-diplomon subskribitan de la Prezidanto kaj sekretario de la Internacia Juĝantaro

*Kiu povas partopreni* ?

Rajtas partopreni en la konkurso la gejunuloj de la tuta mondo kondiĉe, ke ili estu naskitaj :

Antaŭ la 1-a de Septembro 1924 kaj post la 31-a de Aŭgsto 1920 (por la sekcio de la gejunuletoj),

Antaŭ la 1-a de Septembro 1920 kaj post la 31-a de Aŭgusto 1916 (por la sekcio de la gejunuloj *Verkaĵoj*.

La manuskriptoj ne eldonitaj ĝis nun devas enhavi ne malpli ol 1.000 vortojn nek pli ol 2.000, kaj esti redaktataj en kiu ajn lingvo, se eble maŝinskribitaj, se ne, tre legeble manskribitaj, kun marĝeno.

Pri la detalaj kondiĉoj de partopreno skribu al (ankaŭ en Esperanto) Ekumena Junulara Komisiono, 52 Pâquis (Palais Wilson) Genève.

### Regno de pensoj

spirita senpartia revueto de ĉiuj tempoj kaj nacioj estas senpage havebla de :

Esperanto, Internat. ul. 42 Mukačevo, Ĉeĥoslovakio.

# Kaleidoskopo de l'Esperantismo

## Esperanto aŭ Eŭropane?

En numero 451 ni aperigis artikolon de F-ino Lidia Zamenhof. Temis pri atentigo je la provo, alinomigi la lingvon *Esperanto*. Niaopinie F-ino Zamenhof estas rajtigata defendi nomon kaj verkon de sia patro, precipe kiam la *gvidantoj* de la movado *silentas*.

La estimata redaktoro de la periodajo « Uŝe-Eĥo » respondis per *Publikaj Demandoj*, faritaj al F-ino Zamenhof en numero 42 de la dirita gazeto.

Ĉar la disputobjekto havas ĝeneralan intereson, ni permesas al ni respondi al Sinjoro Josef Zauner al aro da ideoj kaj opinioj, de li elmetitaj.

### Tezo de UŜE - EĤO

Per aro da demandoj (precize nau) S-ro J. Z. defendas sian provon, bapti Esperanton « Eŭropa Lingvo ». Li eldonis gramatikojn, germanan kaj rumanan, kiuj diras *Lehrbuch der Europäischen Sprache: Exercitii de limba europeană*. Nenialoke sur la kovrilo vidiĝas la nomo *Esperanto*. Tion en ordinara vivo oni nomas « kaŝ-artifiko ».

S-ro J. Z. apogas sian faron per motivoj, kiuj laŭ li praviĝas el la nuna tempo de superbordanta naciismo, malŝate rigardanta internacian aferon. Esperanto jam havas sian stampon, ĝi estas en certaj landoj io danĝera, minimume io suspekta. Laŭ tiu ĉi vidpunkto: eviti suspekton kaj altiri elementojn el la naciisma kampo, la forigo de la nomo estas konsilinda, eĉ necesa.

### Esperantista Tezo

Ne enirante en la detalojn de la demandoj faritaj de S-ro J. Z. ni tutsimple rezonas: Esperanto estas ĉies proprajo. Efektive. Sed la Deklaracio de Boulogne farita en la jaro 1905, parolas nur pri Esperanto. Trajto de nia nuna tempo estas la tendenco *maski* la veron, *aperi* alie, *flati* potencojn, malafable rilatantaj al nia movado kiel al ĉio, kio celas trans la limoj de la propra patrolando.

Tion konscia Esperantisto ne akceptos. Sufiĉas jam la daŭraj ŝanĝoj en la organizo, la ŝanĝiĝemo de nia epoko ne etendiĝu ĝis la nomo *Esperanto*.

### Eŭropa lingvo

Erara estas la ideo, ke la ŝanĝo de la nomo, aŭ la simpla ne-uzo de la nomo Esperanto altirus naciulojn. Kiel ajn oni rigardas la movadon por internacia lingvo, ĝi estas movado de progresemaj elementoj kaj neniu honesta homo ĝis nun kaŝis ke *ankaŭ* bolŝevikoj lernas uzas kaj... *amas* la lingvon Esperanto.

Ni neniel tuŝas tie ĉi la demandon pri boneco aŭ malboneco de politika reĝimo. Ni vidas, ke itala registaro toleras la vastan uzadon de nia lingvo por propagando eksterlanda. Senbrue, seninvite. La simpla rezono estas: ekzistas uzantaro de la lingvo, inklina al vojaĝoj en Italujo. Sekve ni uzu kaj eluzu. Tio estas laŭ ni racia kompreno. Per tio la Itala Turisma Propagando neniel okupiĝas pri aferoj de Esperanto, kiuj estas tiuj de la Esperantistoj. Ekzistas alia lando, kie Esperanto ludis gravan rolon. Tie ĝi malaperis. Ĉu ni do provu, ventrokuŝe petadi, ke anstataŭ Esperanto, lingvo kreita de judo, oni permesu la lernadon de la *Eŭropana lingvo?*

Naivajo! La registaroj disponas pri ebleco bone koni nin. Ni, kaj tio estas la tuto de la movado, estas por ekstremnaciismaj registaroj, minimume suspekta. Ni ne trompu nin mem. Ne estas en la povo de la centprocentaj neŭtraluloj inter ni ŝajnigi *ĉion* sub alia lumo.

Ni estu honestaj. Prefere riski momentan premon, ol vendi principon.

### Unuigita Eŭropo

S-ro J. Z. miksas du aferojn: Nian lingvon kaj la ideon de federaciiĝo de Eŭropo. Pri tiu ĉi lasta ideo, iam efektivigota kaj certe grava paŝo al vera universala Ligo de Nacioj, ja la granda plimulto de informitaj Esperantistoj kunsentas. Sed tio estas aparta afero, kiun ni kiel unuopuloj povas jesi aŭ nei laŭ nia inklino.

Sed la UŜE (Unuigitaj Ŝtatoj de Eŭropo) ne ekzistas, dume Esperanto *jes*. Do por propagandi valoran ideon, oni devas propagandi samtempe alian, dependan de faktoroj tute ekster nia povo. Ke Sinjoro J. Z. propagandu la ideon de unuigitaj ŝtatoj de Eŭropo, bone! Sed li ne oferu la honestan nomon de Esperanto, nomon konatan ĉie kaj karan al ni.

### Eŭropo-Azio

Iam ludos gravan rolon, *Azio*. Ni vidis kiom energie laboris Esperantistoj en Ĉina Regno kaj en Japana Imperio. La nomo Esperanto estas neŭtrala. Ĉu en nuna kaj estonta tempo, la vorto *Eŭropo* havos pli bonan sonon tie? Por aziano, Eŭropo estas tiu ĉi parto de la kontinento *Eŭrazio*, kies konatiĝo nur havigis al tiu azia popolo ĉagrenon, suferon, subpremon. Pri la avantaĝoj de nia maŝina kulturo ni ne parolu. Estas tro nigra ĉapitro en la libro de l'homaro.

Kaj nun precize en tempo de revizio de ĉiuj faritaj spertoj, ni propagandu nian lingvon en Azio sub la etikedo « Eŭropana » Sufiĉas ke Esperanto estas laŭ gramatiko, strukturo, vortaro, ido de la indo-aria lingva familio. Ĉu ne estas trajto de ĝentileco, ke ni propagandistoj de intergenta lingvo ne tro fieras pri nia « eŭropaneco » rilatante kun aziano? Ni opinias, ke ankaŭ tio ludas certan rolon.

### Minaco

S-ro J. Z., xideble kaptita de naciismaj ideoj (kio estas lia afero) kredas necese minaci. Ankaŭ ni opinias, ke oni interesigu naciulojn eĉ ekstremistojn al internacia lingvo.

Alia demando estas, ĉu ekstremistoj sentas inklinon lerni lingvon internacian. Malfermiĝas tie vasta kampo por labori. Sed per honestaj rimedoj kaj ne per « camouflage » aŭ » Tarnung » esprimoj tradukeblaj per « artifiko maski ion ».

Ni ripetas: *Kontraŭstaru la komencon*. Ne estas verŝajna, ke malaperos la nomo *Esperanto* pro la propagando de *eŭropana lingvo*. Ĉar klara kaj rekta kaj tre difinita ĝi estas vojo farita!

H. J.

---

Ĵus ni ricevas kopion de letero adresita al S-ro Zauner, de F-ino Z., kiun ni represas:

Estimata Sinjoro Redaktoro,

Jen, mallonge, miaj respondoj al viaj « Publikaj Demandoj ».

La Bulonjan Deklaracion mi konas, kaj povas certigi, ke ĝi parolas pri Esperantismo kaj uzas la nomon Esperanto.

Esperanto estas nenies proprajo — tion mi neniel kontraŭparolas. Ĉiu esperantisto havas plenan rajton disvastigi Esperanton en tiuj rondoj, kiuj estas al li plej proksimaj kaj karaj. Se do vi propagandas nian lingvon al la naciistoj, mi povas nur, kun plena sincereco, deziri al vi sukceson.

Esperanto estas nenies proprajo. Kaj ĝuste tial, ĉar ĝi estas nenies proprajo, ĝi devas eviti alinomigon, kiu povus, kredigi, ke ĝi estas aŭ celas fariĝi proprajo kaj standardo de unu grupo aŭ de unu lando aŭ de unu mondparto. Hodiaŭ la naciistoj estas fortaj en la mondo. Morgaŭ povas regi alia tendenco. Ĉu tiam ni denove cerbumu, sub kia nova nomo prezenti nian lingvon, por ĝi trovu plaĉon? Se la « komunistoj, bolŝevistoj, sennaciuloj, revoluciuloj, Trockianoj ktp. », laŭ via esprimo, volus tiam anstataŭigi la bonan malnovan nomon Esperanto per ekz. « lingvo interkomuna » aŭ io simila, mi same protestus.

Esperanto venkos ne per pli aŭ malpli lertaj frazoj, per kiuj ni ĝin propagandas, sed per sia efektiva valoro kaj per tio, ke la mondo ĝin bezonas. Registaroj, kiuj ne rekonis la bezonon de internacia helplingvo, ne enkondukos ĝin en la programojn de siaj lernejoj, sendepende de tio, sub kia nomo ĝi estos prezentita. Tiurilate la nomŝanĝo havos nenian efikon.

Unu el viaj rimarkoj povus kredigi al viaj legantoj, ke mi proponas la nomon « lingvon homarana » anstataŭ « Esperanto ».

Al tiuj, kiuj povus tion kredi, mi klarigas, ke la vorto « Esperanto » estas al mi bona kaj kara kaj ke mi proponas nenian alinomigon. La esprimon « lingvo homarana » mi uzas ne kiel alinomigon, sed simple por prezenti la esencan ideon de Esperanto. Kaj personoj, al kiuj tiu ĉi ideo ŝajnas « naivajo », bonvolu memori, ke sen tiu «naiva» ideo Esperanto neniam estus kreita.

Jen, en ĉefaj linioj, mia respondo. Reveni al ĉi tiu diskuto mi konsideras, miaflanke, nenecesa.

Bonvolu akcepti, estimata sinjoro Redaktoro, miajn respektajn salutojn,

Lidia Zamenhof.

New York, 28 Novembro 1937.

---

# La mondo ridas

### Interpopola Ŝerco

Fremda estas sinonimo por stranga. Fremdulo estas strangulo... por la alia. Tiu ĉi vero estas ĉe la bazo de ĉiu miskompreno, manko de fido kaj eĉ malamikeco. Sed ĝi estas ankaŭ la fonto de ŝercoj, mokoj, ironioj. La tipaj karakterizajoj estas la celo de l'primoko.

Ni malfermas rubrikon pri interpopolaj ŝercoj tiaspecaj. Kaj ni komencas per la kompatinda skoto, ekzemplo de senlima avareco. Ni ĉiuj ja scias ke tiu-ĉi trajto de ŝparemo troviĝas ankaŭ ĉe aliaj kaj ke nur la skoto fariĝis la suferanta simbolo de l'supermezura ŝparemo.

∴

Skoto promenadas kun fraŭlino dum kvar horoj en parko, por eviti la viziton de tetrinkejo. Kiam laciĝis la knabino, li sentis sin devigata aĉeti sandviĉon. Tio kostis kelkajn pencojn. Apenaŭ la knabino estis hejme, ŝi koleriĝis pro la konduto de la kavaliro. Reveturis al li kaj malestime ĵetis al li antaŭ la piedoj la kelkajn pencojn. ...« Sed pro Dio mia », diris la skoto prenante la monon, « tio ne tiom urĝis, mi povis ja atendi ĝis morgaŭ. »

∴

Skoto estis invitita al festo de la « Germana Societo » en Aberdeen, sed malakceptis, ĉar li ne sciis kion signifis la vortoj sur la invitkarto « Eintritt frei » (Eniro senpage). Tagon poste oni trovis lin mortinta antaŭ germana vortaro. Apopleksio.

∴

Franco, Anglo, Skoto diskutas pri tio, kion farus ĉiu, se vekiĝante matene li malkovrus esti gajninta milionon dum nokto. La franco diris, ke li fariĝus rentulo. La anglo, ke li entreprenas mondvojaĝon. Sed la skoto opiniis, ke tuj li sin turnus en la liton por daŭrigi la dormadon por vidi, ĉu eble li gajnus duan milionon.

∴

Wiliam O'Brien aŭskultis atente la radio-dissendon de la diservo en la urba preĝejo de Aberdeen. Subite li ekridegas.

« Ĉu vi freneziĝis, ridi dum tia okazo? » riproĉis lin la edzino.

Respondas Wiliam tute kontenta:

« Jen ili komencas la monkolektadon ».

∴

Jim estas mortmalsana. Ĉiumomente li povus eligi lastan spiron. Vespere la edzino devas iri ankoraŭ al la apoteko. Forirante ŝi vokas al Jim: « Se dume vi mortas, antaŭ mia reveno, ne forgesu, estingi la lumon ».

∴

Viro eniras en Aberdeen la tramon. Transdonas al la kontrolisto la bileton.

« Nu kio tio signifas, miras la kontrolisto: « Kio estas tio ĉi? » Tio estas ja bileto el la tempo de la ĉevala tramo ».

« Efektive », diras la pasaĝero « sed ne estas montrita la tempo por ŝanĝi la vagonaron. Dume mi estis transe, en Kanado... ».

Skoto rakontas: « Ekzistas homoj kiuj estas atingitaj de vere aĉa avareco ».

« Precipe en Skotlando, ĉu ne? »

« Jes, bedaŭrinde. La skotoj estas efektive teruraj. Foje mi iris kun du skotoj por fiŝkapti. Ni tri sidis kune. Unu proponas: « Kiu unue kaptas fiŝon, pagas rondon da viskio. Nu, ni tri konsentis. Kaj nun imagu al vi, kion ĉi tiuj avaruloj sukcesis plenumi? » *Ambaŭ* kaptis ion sed neniu tiris la kaptilon el la akvo, pro timo, pagi la rondon ».

« Bonege. Laŭ tio vi do pagis la rondon? » « Mi? Ne: Singardeme mi tute ne metis allogilon... ».

### Angla humoro

La scienculo. — Neniu, Sinjoroj, povas sin senigi de la servoj de la scienco.

Voĉo. — Pardonu, pardonu, mi povas min senigi de ili.

La scienculo. — Kion vi faras, Sinjoro?

Voĉo. — Mi fabrikas pantalontenilojn.

La scienculo. — Je kio utilus viaj pantalonteniloj sen la gravitacia leĝo?

### En hotelo

La novalveninto venigas la hotelestrinon kaj demandas:

— Ĉu vi ne bezonas insektpulvorojn?

— Dankon, diras la hotelestrino, levante la ŝultrojn, ni neniam havis cimojn ĉi tie.

Tiam la viro diras:

— Bonege. Nun, donu al mi ĉambron!

⁂

### La belaj rilatoj

Infanoj interparolas. Ili vantas, kiel ofte faras la knaboj, pri la graveco de ilia parencaro.

— Mia onklo estas fama kuracisto. Li havas belan aŭtomobilon kaj grandan domon.

— Mia onklo estas ministro. Oni nomas lin Ekscelenco!

— Kaj mi! Mia onklo estas arkepiskopo! Oni kisas lian manon kaj oni nomas lin Monsinjoro.

Nu! kaj mi, diris etulo kiu ĝis tiam silentis mi havas duonpatrinon kaj siam ŝi venas mi aŭdas la homojn diri: Dio ĉiopotenca!

# La internacia lingvo




## Brazilo

**Poŝtkartoj kun bildoj teksto en portugala kaj en Esperanto.**

**Unua serio, dudek malsamaj ilustraĵoj pri Rio-de-Janeiro.**

**Dua serio, 39 malsamaj ilustraĵoj el brazilaj ŝtatoj.**

Nur per vizito al Brazilo. komencante de Rio-de-Janeiro—la tiel nomata "Mirinda Urbo" —, oni povos taksi la naturdotojn kaj ekonomiajn kapablojn de tiu lando.

*Teksto en Esperanto sur ilustritaj poŝtleteroj vendataj de la poŝtagentejoj en Rio-de-Janeiro.*

POSTES ET TÉLÉGRAPHES
POST AND TELEGRAPH OFFICE
POST UND TELEGRAPH
POSTE E TELEGRAFI
CORREOS Y TELEGRAFOS
POŜT-KAJ TELEGRAFEJO

*Seslingva teksto sur kupra tabulo fiksita super la giĉetoj de la Havenkaja Agentejo, en Rio-de-Janeiro.*




## U. S. S. R.

ПОЧТОВАЯ КАРТОЧКА
С ОПЛАЧЕННЫМ ОТВЕТОМ
POŜTA KARTO kun afrankita respondo







ПОЧТОВАЯ КАРТОЧКА
ДЛЯ ОТВЕТА
POŜTA KARTO por respondo




**La Sovetunia poŝto eldonis :**

**Poŝtmarkon kun bildo de l'aŭtoro de Esperanto**

**Du poŝtmarkoj okaze de l'Proletaria Esperanto-Kongreso en Leningrad**

**Du poŝtmarkoj kun bildo de radio inventoro Popov.**

**Unu poŝtmarko de unu rublo kun bildo de Centra Telegrafo, Moskvo.**

**(Ĉiuj kun teksto en internacia lingvo)**

**Krome sur ĉiuj poŝtkartoj kaj Kovertoj (Fermita letero) teksto en Esperanto.**

## Hungarlando

**POŜTKARTOJ**

**kun bildoj kaj vidindaĵoj**

**Klariga teksto trilingva : hungare, france kaj Esperanto.**

**UNUA SERIO kun afrankvaloro de 16 Fil. 16 diversaj vidaĵoj el Hungarlando**

**DUA SERIO kun afrankvaloro de 10 Fileroj, 15 vidaĵoj**



# en poŝta uzado

## Brazilo

Poŝtmarko okaze de la 9-a Brazila Kongreso de Esperanto 1936

Poŝtmarkoj okaze de la 8-a kaj 9-a Specimena Foiro en Rio-de-Janeiro

Poŝtmarko okaze de la Ora Jubileo de Esperanto.


















STAMPOJ MEMORIGAJ:

(Dulingve : portugale kaj en Esperanto)

1) Rio-de-Janeiro: Cidade de Turismo : Turisma Urbo.

2) Feria de Amostras : Internacia Specimena Foiro.

3) Sama : Poŝt-kaj Telegrafagentejo.

En Esperanto :

4) Naŭa Brazila Kongreso de Esperanto.

5) Internacia Konferenco pri Radiokomunikoj.




## Liechtenstein

POŜTKARTOJ

Trilingva indiko „Poŝtkarto"
Bildkartoj kun teksto germana kaj en Esperanto

UNUA SERIO :

Ses poŝtkartoj kun
afrank-valoro de 20 centimoj

DUA SERIO :

Dek poŝtkartoj kun
afrank-valoro de 20 centimoj
10 poŝtkartoj po 10 centimoj
ĉiuj kun malsamaj vidaĵoj.

## Nederlando

POŜTKARTOJ

kun bildoj klarigataj en holanda kaj en Esperanto.

UNUA SERIO :

Detaloj aldonataj
sur la definitiva represo



# El naturo kaj sciencoj

## Dankon al la indiano

Por esti honorata, necesas esti mortinta! Tiu-ĉi kruda konstato ne nur veriĝas ĉe pensuloj, pioniroj kaj poetoj, ĝi valoras ankaŭ por popoloj. La ruĝa viro, aŭ la indiano de Norda Ameriko, preskaŭ malaperinta el la listo de gentoj jam de jardekoj, estas dorlotata objekto de usona romantismo. La uzado de antaŭnomoj indianaj ĉe la modernaj amerikanoj estas unu el ĉi tiuj trajtoj. Alia karakterizajo estas, ke la ruĝa viro ne estas traktata socie kiel la nigrulo. Ĉu pro ia kolektiva konsciencriproĉo pri farita maljusteco kontraŭ la iamaj posedintoj de la tero, ĉu pro tio, ke la ruĝhaŭtulo ne plu estas konkurenco timinda, egale, la situacio estas, tia, ke oni povas paroli pri certa respekto por la ruĝa raso.

La registaro usona dediĉas gravan eron de la budĝeto por la esploro de la indianaj gentoj. Sed pri io tute speciala, simpatia kaj rimarkinda samtempe, informas ĉi tiuj linioj.

Ekzistas en Los Angeles, petrolcentro kalifornia, plej diversaj muzeoj. Pri unu temas ĉefe, nome la Southwest Museum, kie troviĝas speciala sekcio, kiu instruas la vizitanton, ke la plej multaj kampkulturaj kreskaĵoj estas produktaĵoj de la indiana diligenteco.

La konkerintoj kaj pioniroj okupintaj Amerikon ja venis unue pro la oro. Ili admiris kaj miris pri la riĉeco de la vegetaĵaro, okaze ankaŭ sendis specimenojn al la malnova mondo.

Sed la manĝeblajn plantaĵojn, kulturatajn de la indianoj oni ne tre atentis, iafoje eĉ konsideris ilin kiel variaĵoj de eŭropaj, similе aspektantaj kreskaĵoj. Tiel okazis kun la terpomo. Pedro di Cieza de Leon, la unua blankulo kiu vidis en jaro 1538 en Kolumbio indianojn manĝi terpomojn, opiniis, ke ĝi estas miksaĵo de ternukso, trufo kaj marono. La plimulto de la amerikaj nutroplantaĵoj aperis eĉ en sciencaj verkoj kun malvera indiko pri deveno. Rimarkinde estas, ke pasis preskaŭ pli ol tricent jaroj de la konatiĝo kun la unuaj manĝeblaj kreskaĵoj ĝis la momento, ke ilia efektiva deveno estis rekonita. Estas verko de ĝenevano, Alphonse de Candolle, pri la origino de la kulturplantaĵoj, aperinta en 1884, kiu unuafoje sisteme esploris tiun ĉi malatentitan parton de nia scio. Kaj de tiu ĉi tempo, seninterrompe estis malkovritaj forgesitaj konstatoj kaj valorigitaj. Estas tiu ĉi novamerika spirito, kiu serĉas (malfrue) doni al la ruĝa viro tion kion li meritas: La dankon de la homaro.

Baza verko nuntempa estas la «Natural History» de Gregor Masson, kiu utiligis por tiu ĉi speciala flanko la laboraĵojn de aliaj aŭtoroj.

Kiam la unuaj blankuloj observis la vivon de la indianoj, ili miris pri la trovkapablo de la indianoj, kolektante manĝeblajn plantajojn. Riĉega estis la listo de la fruktoj sovaĝaj, kiujn la ruĝa viro trovis en kampo, arbaro kaj bosko. Li konis nombron da specoj de sovaĝaj beroj, fragoj, vinberoj, grosoj, plurajn specojn de prunoj, ananason kaj ĉefe maronojn, plej diversajn nuksvariaĵojn kaj glanojn. Sed li ne kulturis ĉi tiujn plantaĵojn. Ili nur formis la bazon de tre evoluiĝinta kolektmastrumado. Gravan rolon ludis por multaj triboj, la sovaĝa rizo. Ne nur bonegan nutraĵon ĝi liveris, ĝi gastigis ankaŭ la sovaĝajn anasojn. La sovaĝa rizo formis la ĉefan nutraĵon de kelkaj triboj. Konata estas la interrilato de la perdo de regionoj kun sovaĝa rizo kaj la pereo de difinitaj triboj.

La indiana kampkulturo estis farita per iloj el ŝtono, ligno aŭ konko. Jam en la unuaj blankaj kolonioj estis la lertecon de la indianoj en la zorgado kaj kulturado de utilaj plantaĵoj. En la «New England Prospect» aperinta 1629 estis dirita la jeno: «**Ili superas per ilia mizera konko-pioĉo nian anglan kampkulturiston. Iliaj plantejoj aspektas ne kiel kampoj, sed kiel ĝardenoj**». Nur al la kolosa diligenteco kaj al la eksterordinara zorgemo de la indianoj oni dankas la kulturigon de la maizo el la sovaĝa meksika herbo **teocintli**. La maizo estas unu el la plej valoraj donacoj de la indiana kampkulturado al la homaro. Kaj rimarkinde estas, ke spite ĉia teknika progreso, konserviĝis ĝis nuna tago la metodo de kulturo kaj zorgado pri la maizo kiel en tiu ĉi primitiva epoko. Sen la maizo kaj sen la terpomo, tipaj amerikaj kreskaĵoj, la nutrigado de la mondo estus hodiaŭ ne imagebla.

Grava estas la rolo kiujn ludas la maizo kaj la terpomo en la nutrado de eŭropaj popoloj. Sed ili facile forgesigas la valorajn donacojn kiun faris Ameriko al Eŭropo kaj eble ankaŭ al aliaj kontinentoj. La indianoj konis radikojn manĝeblajn, ili plantis maniokon, speciale le kasavon, konatan en niaj landoj en la tapioko, la taron, specon de kolokasio. Ĉi tiuj nutroplantaĵoj ankaŭ troviĝas en aliaj terpartoj en Afriko, Azio kaj en Polinezio. Tamen, laŭ certaj esploristoj, la unua kulturigo de ĉi tiuj kreskaĵoj estas dankata al la indianoj. Pri sukerkano, figo, banano, kokoso estas demando, ĉu la devencentro troviĝis en Ameriko. La rilatoj inter Oceanio kaj Ameriko ja ne estas ankoraŭ plene klarigitaj. La deziro agi juste al la indiana kulturado komprenigas facile teoriojn iom fantaziajn. Sed certe estas, ke en la malnova Ameriko estis konitaj tre progresintaj formoj en la utiligo kaj preparo de la kreskaĵoj. Jam en la stadio de la kolektomastrumado oni gajnis el nuksoj, glanoj kaj florsemoj, oleon kaj farunon por pansimilaj bakaĵoj.

La sovaĝa kano de la Mississippi-valo same servis kiel «panfrukto». Kiel iliaj kuzoj, la ĉinoj, same la indianoj ne estis krudmanĝantoj. Ili kuiris aŭ rostis ĉion. Ilia kuir-arto kondukis al la uzado de manĝaĵoj, ne utiligeblaj sen tiu ĉi procedo. Per ofte komplikaj procedoj ili sciis valorigi por la homa uzado venenajn plantaĵojn, kiel ekzemple la maniokradikon, kiel ankaŭ aliajn kreskaĵojn entenantajn cianid-acidajon. La grandan arton en la prilaborado de kampokulturaj produktaĵoj ni vidas ekzemple en la indianaj teksaĵoj. La bestan lanon, kiel ankaŭ la kotonon, plantitan en diversaj regionoj per la indianoj, trovis taŭgan uzadon en la doma mastrumado. La meksikanoj kaj la maja-anoj produktis lanon tiom delikatan, ke la hispanaj konkerintoj opiniis ĝin silko. El la kotono la indianoj faris tiom fortikajn teksaĵojn, uzitajn kiel kirasoj en la milito.

Multnombraj estas la legomspecoj unuafoje kulturitaj de la indianoj. Ili fariĝis en aliaj mondpartoj kvazaŭ «popolaj manĝaĵoj», sen kiuj la nutrado de vastaj amasoj eĉ ne estus plu pensebla. Ĉe iuj legomoj, ekzemple ĉe iuj specifaj kukurboj, fazeoloj, faboj, pizoj la kulturado el sovaĝaj specoj estis sufiĉe facila. Aliaj postulis jam pli longdaŭran penadon. Dum jarcentoj la tiom spritaj «blankuloj» ne kuraĝis manĝi..... la tomaton kaj konsideris ĝin kiel venenan kreskaĵon. Antaŭ kelkaj jardekoj eĉ, oni rifuzis ĝin. Imagu al vi hodiaŭ vegetaran menuon sen tiu ĉi simpatia, kolorviva pomo, kiu en kelkaj landoj portas la allogan nomon **Paradiza pomo**, en aliaj **Ora pomo**. La disvastigo de la indianaj nutraĵoj ankaŭ pruvas kiom konservativa povas esti la homoj pri iliaj kutimoj kaj eĉ rifuzas akcepti ion nepre utilan. Atentinde estas tamen, ke la pikanta pipro amerikana kaj la vanilo enkondukiĝis tre rapide.

La indiana kolekt-mastrumado kaj la hakadkulturo kondukis en la antaŭ-kolumba tempo al eltrovo de trinkaĵoj, el kiuj la kakao akiris al si mondan reputacion. El la maizo oni brasis bieron; la nombro de la ebriigaj trinkaĵoj estas nekontrolebla. Ili bazas plejparte sur la uzado de drogoj ankoraŭ ne esploritaj ĝis nun. En iuj tropikaj regionoj, oni faris el **kreskaĵo**, trinkaĵon: la tabako. La indianoj en la nordo de Kolumbio ankoraŭ nun trinkas tabakon en dikfluaglueca stato el malgrandaj kukurboj. La tabakplantado iafoje ampleksis pli grandan areon ol tiu de la maizo. Kaj ĉiuj fumis, viroj, virinoj kaj infanoj. La «fumplantajo» venis tra Hispanujo kaj Portugalo en ĉiujn eŭropajn landojn.

Du plantaĵoj, kies produktoj estis nur kolektitaj de la indianoj atingis ekster Amerio grandegan signifon. Estas la **kaŭĉuko** kaj la «**Ĉin-arbo**». La kinino kiel rimedo kontraŭ la febro estis tre disvastigita en Ameriko. La kaŭĉuko estis uzita ĉe la toltekoj por fari pilkojn, uzitajn ĉe religiaj festoj, veraj pilkludoj.

Resumante ĉion, oni efektive ŝuldas dankon al la Ruĝa Viro: la malriĉa kamparano en nordaj eŭropaj landoj manĝante kun lakto, la universalan terpomon, la sudlandano pro siaj diversaj maizmanĝaĵoj (Polenta, Majaliga) Terpomo, maizo, tomato, kakao, tapioko, tabako, kaŭĉuko, kinino por nur citi la ĉefajn donacojn de la Ruĝa Viro al la tuta mondo.

**(Bill Tekumseh).**

## Helpu al Hispanaj Infanoj

La civila milito en Hispanujo eniris duan vintron. Madrid, anoncita jam en pasinta kristnasko en manojn de la naciistoj fariĝis batalkampo. Ĉie detruo kaj mortigo. Senhelpe la potencoj rigardas kaj rigardas. Kaj dume tuta popolo estas en agonio.

Sendependa de simpatio kaj antipatio, formiĝis en pluraj landoj komitatoj por helpi al la senkulpaj viktimoj de tiu ĉi tragedio. Pri unu tia helpo, la svisa informas sekvantaj linioj.

Je la 20a Decembro vespere oni povis vidi en Genève unu el tiuj kolonoj de ŝarĝaŭtomobiloj, kun surskriboj: *Ayuda Suiza a los niños de España*. (Svisa helpo por Hispanaj infanoj). Ŝarĝitaj per lakto, ĉokolado, ĉiaj nutrajoj por kristnasko, en la direkto de l'Hispanujo sub popolfronta regado.

Tiu ĉi aŭtokolono restas en Hispanujo. Ĉar poste la sendajoj estas farataj per la fervojo ĝis la franca-hispana limo kaj de tie daŭrigataj per ŝarĝ-aŭtomobiloj. Funkcias ses tiaj aŭtokolonoj. Sed ĝi ne nur okupiĝas pri la transporto de nutrajoj el Svislando sed ankaŭ pri la fortransporto, la evakuado de virinoj kaj infanoj. La (Svisa) Laborkomuneco por Hispanaj Infanoj sukcesis ĝis la 30 de Novembro transporti 6.000 virinojn kaj infanojn el la sieĝata Madrid. Naŭ svisaj aŭtokondukistoj libervole laboras por tiu ĉi servo.

Per la sama organizajo estis aranĝita en Madrid laktejo, kie ĉiutage 50 virinoj kaj cent infanoj estas nutrataj dufoje. Plie 400 infanoj el la nordo estas prizorgataj en la infankolonioj en Barcelona.

La kosto por tiu ĉi helpo estas 15 svisaj Frankoj po infano kaj monato. Ĉiu persono povas fariĝi «baptopatro» aŭ «baptopatrino», pagante tiun ĉi sumon.

Pri la mizero en Hispanujo oni ne povas fari al si imagon. Multaj nutrajoj estas ne plu troveblaj aŭ nur kontraŭ alta prezo. La parto sub regado naciisma troviĝas en tute normala situacio. Ĉion oni povas ricevi senmalhelpe. Pro tio sendajoj el tiu ĉi parto de Hispanujo limiĝas al ŝuoj kaj vestajoj.

La disdono en la popolfronta parto estas sub la rekta kontrolo svisa, en alia ĝi estas farata de la «Union internationale de secours aux enfants» (Internacia Unio por helpo al infanoj) kaj en intima kunlaboro kun la kvakeroj. Ĉia garantio ekzistas do por honesta divido.

Tiu ĉi agado estas homama kaj ne demandas pri politika kredo. Ĝi helpas tie, kie ĝi povas. La stabo konsistas el tri virinoj kaj 11 viroj, ĉiuj svisoj. Sub ilia gvido laboras hispana help-personaro. En ĉiu lando ekzistas simila organizajo por helpi al tiuj viktimoj. Ni Esperantistoj ne staru flanken. Ni helpu, ĉiu laŭ sia forto. ESPERANTO akceptas raportojn pri tiu ĉi agado en aliaj landoj. Helpu al la suferantaj hispanaj infanoj.

## Polica Esperanta kurso en Praha 1937



Membroj de ŝtata polica korpuso en Praha partoprenintaj la Esperantan kurson kiu aranĝis — Polica klubo kun Polica Esperanta Rondeto en Praha — en la kadro de preparoj de la X Tut-Sokola Olimpiado en Praha sezona 1938 — kaj de la preparoj por en la venontaj jaroj okazonta Unio Kongreso de Esperanto en Praha. Sur la fotografajo estas krom la partoprenantoj de la kurso ankaŭ kursgvidanto de la kurso s-ro profesoro Fr. Rádek (en la mezo en civila vesto) kaj s-ro Dro. Karel Tomek, polica ĉefkomandanto en Praha, J. Odvárka, ĉefa distrikta polica inspektoro: (Lerneja referento) kaj Josef Vávrovsky, ĝendserĝento (pens.) delegito de Internacia Polica Ligo por Ĉeĥoslovakio (en civila vesto).

# La Jubilea Kongreso

Ekzistas du manieroj skribi historion. La unua, kiu senhezite diras ĉion... en la laŭdinda intenco konigi la veron. La dua... ĉirkaŭiras la faktojn, ellasas tion aŭ alion, kun la intenco, momente pravigebla, ne tuŝi ies sentojn. Tiel efikas tia historiado malklarige, kaj eĉ malprecize :

Similan sintenon... *diri nur la duonon de l'vero* ni konstatas en gazeto kiu en prikongresa numero levas iom la vualon sur la mistero de la kongresorganizo. Ni ekstraktas el :

## Pola Esperantisto

Kaj jen ekestis la unuaj malhelpoj. Kvankam la nomo de niaj kongresoj estas tradicie kaj dokumente fiksita « Universala Kongreso de Esperanto » komenciĝis batalo ĉirkaŭ la kongreso. Estis faritaj provoj, ke la Kongreso estu nur kongreso de unu el la du rivalantaj organizaĵoj. Pollanda Esperanto-Delegitaro kaj LKK ricevadis leterojn, kiuj iafoje estis ne nur ne samideanaj, sed impresis kvazaŭ militdeklaroj. Venadis ultimataj postuloj, venadis minacoj, venadis demandoj, venadis kulpigoj, venadis hontigaj supozoj, ke LKK verŝajne kaŝe servas la interesojn de la « alia » flanko.

PED kaj LKK estis sieĝataj, estis bombardataj, estis timigataj.

Sed Pollandaj Esperantistoj ne ektimis, ne genufleksis, ne cedis al malpravaj postuloj. Ili konsciis, ke la sorto de la Esperanta movado dependas en tiu momento de ilia sinteno. Ili komprenis, ke cedo al unu el la du kvazaŭaj partioj — egale al kiu — signifus enterigon de la Kongreso kaj ĝisfundan kompromiton de la Esperanta movado antaŭ la ekstera mondo.

Speciala « Komisiono por Internaciaj Problemoj », elektita tiucele, post zorga studo de la situacio proponis al PED kaj al LKK la sole eblan eliron : la Jubilea estos same kiel ĉiuj ĝisnunaj kongresoj UNIVERSALA KONGRESO de ĉiuj Esperantistoj, sendepende de tio, ĉu kaj al kiu Esperanta organizaĵo ili apartenas. La Kongreson do aranĝas LKK memstare kaj lasas al ambaŭ organizaĵoj la plenan liberecon okazigi dum la Kongreso siajn laborkunsidojn. Malferma kaj ferma kunsidoj, jubileaj aranĝoj (solenaĵoj sur la tomboj de Zamenhof kaj Grabowski kaj festo de veteranoj) kaj — ĉu ni ridu aŭ ploru ? — la internacia balo kaj teatra prezentado estos komunaj kaj ne dispartigotaj laŭ IEL- kaj UEA-aparteneco, simpatio aŭ inklino.

LKK komencis trakti kun ambaŭ « partioj », ke ili akceptu tiun solvon. Aparte venis al Varsovio la reprezentantoj de ambaŭ imagitaj potencoj. Ili subskribis kun LKK « Interkonsentojn » ebligante al ĝi preparon de la Kongreso.

Tamen per tio ne finiĝis la dornovojo de la organizantoj. Unu organizaĵo tuj konfirmis la subskribon de sia reprezantanto, laalia — organizis voĉdonadon, ĉu ĝi akceptu la « Interkonsenton » aŭ ĉu... estu organizata Kongreso aliloke, jam plene subigita al tiu organizaĵo. La Esperantista popolo ankaŭ tiumomente bone faris sian ekzamenon kaj ne hontigis sin antaŭ la historio. La landaj asocioj ne nur respondis jese al la demando pri konfirmo de plena neŭtraleco de la Kongreso, sed eĉ kelkaj el ili — kaj ĝuste la plej grandaj kaj gravaj tuj informis la LKK ke — kia ajn estos la rezulto de voĉdono, — ili ĉiuforte helpos la sukcesigon de la Kongreso en Varsovio.

Do, la Esperantista popolo klare diris sian vorton. Sed, dume la LKK devis atendi kun tremo kaj maltrankvila necerteco la verdikton de la gvidantoj, des pli, ke unu el ili eĉ skribis al LKK en la nomo de sia organizaĵo, ke tiu decidis nenion enpresi en sia gazeto pri la Kongreso ĝis la afero klariĝos. Por klarigo ni aldonu, ke la gazeto, proklaminta kaŝan bojkoton de la Jubilea Kongreso, ne estis idista aŭ kontraŭbatalanta nian movadon, sed Esperanta. Ni notas la fakton nur por montri, al kio kondukas troa politikemo kaj troa aŭtokratemo de homoj, kiuj estas tamen enkore bonaj Esperantistoj kaj kiuj deziras sukceson kaj progreson de Esperanto. Ni intence ne citas nomojn, ĉar ne temas pri personoj, sed pri agoj.

Eraro farita ne kompromitas. El eraroj oni lernas la ĝustan vojon. Pri la tuta afero ni skribas nur por doni al la legantoj proksimuman bildon de egaj malfacilaĵoj, renkontitaj de LKK.

———

Leginte tion, oni sin demandas, kial la verkinto de tiu-ĉi artiklo ne tuj diras plenan veron. Nu, ni kompletigu :

1) UEA en decembro 1936 per sia reprezentinto tuj proponis mem : LKK sendependa, kongreso universala, komunaj kongresaj kunsidoj, apartaj kunvenoj de l'organizaĵoj, principe divido de l'licenso, inter la organizaĵoj, praktike pro perdo antaŭvidebla, cedo de l'licenco al kongres-kaso.,

2) UEA ĉiel subtenis kongreson, fakto dokumente pruvebla. Por ĝi la esperantista solidareco ne estis deklamaĵo, sed memkomprenebla ago.

3) La Provizora komitato de UEA, ekzameninte financojn de l'kongresoj konkludis ke ne ripetiĝos en Varsovio samaj favoraj cirkonstancoj kiel en lastaj kongresoj, decidis ne insisti pri sia leĝa rajto, sed ĉiel helpi por sukcesigi la Jubilean. Ni konstatu ke la malhelpon kreis tiuj, kiuj en 1936 kuraĝe forlasis l'Asocion, pro simpla postulo de membroj, respekti subskribitan devon. Jen la vero. Konfirmas ĝin letero de la LKK, adresitan al la Ligo en Londono apud Rickmansworth, sub dato 3 Aprilo 1937, kiun ni reproduktas tie-ĉi :

Warszawa, la 3.4.1937

LKK de la XXIXa
Nr. 460/W.

Al IEL

Tre estimata Samideano,

En No 11/21.III.1937/ de la oficiala organo de IEL en *Oficiala informilo* Nr. 23 aperis komuniko, kontraŭ kiu LKK devas plej energie protesti. Ni estas certaj, ke ĝin oni presigis nur pro ia bedaŭrinda eraro, alie oni devas konsideri ĝin kiel neatenditan kaj nemeritītan atakon kontraŭ la Jubilea Kongreso.

Tiu atako (interalie per nenio pruvita « superruzo » de LKK per s-ano Jakob) estas des pli stranga, ke vi mem bonvolis subskribi interkonsenton en Varsovio, kies fina frazo, pro iaj kaŭzoj de vi nepublikigita, tekstis jene :

« La du Komitatoj esperas, ke tiu-ĉi Interkonsento, farita same kiel la Interkonsento kun Provizora Komitato de UEA, sole kaj nure en intenco akceli harmonion inter la Esperantistaro, helpos al la Jubilea Kongreso en Varsovio fariĝi memorinda manifestacio en la vera spirito de nia Majstro Zamenhof. »

LKK nepre plenlojale sekvos la vojon de Interkonsento, petante vin, estimataj samideanoj, insiste, ke vi bonvole retenu vin de similaj oficialaj komunikoj, kiuj treege malutilas al la Jubilea.

Bonvolu akcepti, tre estimata samideano, niajn samideanajn salutojn (subskriboj).

# Evoluo de Esperanto

**Kritik-historia skizo de Petro Stojan**

XVIII *(sekvo)*

## Kio ŝanĝiĝis en Esperanto ?

Nun ni povas oportune kompari la lingvon de Zamenhof, tian kia ĝi formiĝis en 1887-1890, kun la nuna Esperanto praktike uzata. En 1888 Zamenhof ŝanĝis la primitivajn : *tian, kian,...* je la nunaj : *tiam, kiam,* k.a. Post 1905 adoptiĝis la sufikso *-aĉ-*, kaj post 1908 komencis populariĝi la sufiksoj : *ism, iz, oz, end, oid,* kaj la prefiksoj : *mis, anti, retro, pseŭdo.* Landonomoj pli kaj pli finiĝas je *-io.* Timeme kreskas la sekreta ekzistado de la utilaj sufiksoj : *ik, aci, ir,* kaj la prefiksoj : *tele, pre* (simboliko, gimnastiko, deklinacio, numeracio, inspektoro, revizoro, teleobjektivo, televidado, prehistoria, predestinita, prealpoj).

Bedaŭrinde malaperis la Zamenhofa sistemo de *si,* laŭ la slava modelo (mi sin lavas, vi sin mortigas, ni sin tenas, li sin oferas, mia sinteno, via sinofero, lia sinmortigo). Nun ekregis la okcident-eŭropa (mi lavas min, vi oferas vin, li mortigas sin, mia sinofero, via sinteno) — sistemo neklara, malfacila kaj kontraŭdira. Tute prave Zamenhof sentis ke « sin lavi», « sin oferi », k.a. estas kvazaŭ apartaj verboj, en kiu *si* estas nedisigebla.

La nedifinita artikolo « unu », kiun Zamenhof uzis kaj kiu estas sankciita en la Fundamento (kvankam tion prisilentas la Akademio), ekzistas ankoraŭ kiel bezonaĵo por unuj, kiel nacia imito kaj aliaj. Iufoje oni uzas *iu* por la sama celo. Du malsamaj tendencoj, kun pluraj variadoj, ekzistas nun pri la artikol-sistemo. La unua komprenas neeston de artikolo kiel indikon de nedifinita artikolo nacia (homo = un homme), la dua nepre uzas nedifinitan artikolon (unu aŭ iu).

Kelkaj malnovaj sufiksoj ŝanĝis sian uzkampon. « Aĵo » malplioftiĝis : nun oni preferas diri *amindumi* (anstataŭ la Zamenhofa « amaĵi »), *ekvacio* (egalaĵo), *fluido* (fluaĵo, *kadavro* (mortintaĵo), *mastrumi* (mastraĵi), *vegetalo, planto* (kreskaĵo, vegetaĵo), *graseca* aŭ *grasa* (grasaĵa), *salivo* (kraĉaĵo), *feko* (elpuraĵo, t.e. ekskremento), *abismo* (profundegaĵo), *monarkio* (monarĥaĵo, *marko* (signaĵo), *miraklo* (mirindaĵo), *lazuro* aŭ *ĉielbluo* (bluaĵo), *kontinento* aŭ *firma tero* (firmaĵo), *formala* (formaĵa), *vilo* (haraĵo), *sedimento* (fundaĵo), *surfaco* (supraĵo), *ebeno* (plataĵo), *feĉo* (surfundaĵo). La sufikso -isto perdis sian larĝan sencon, ĝi tendencas signifi nur profesiulon (laboristo, artisto), malgraŭ tio ke Zamenhof uzis : *Esperantisto* (esperantano), *mensogisto* (mensogulo) *krozisto* (krozŝipo), *iniciatisto* (iniciatinto), *idolisto* (pagano), *buddisto* (budhano), *herezisto* (herezano, herezulo), *amisto* (amindumanto, inemulo), k.a. Ankaŭ -ul- mallarĝiĝas, nun ni preferas : *mambesto* (anstataŭ mamulo), *trimasta ŝipo* (trimastulo), *triangula ĉapelo* (trikornulo). La sufikso *-ant-* perdas sian kapablon signifi objektojn, ĝi pli kaj pli rezerviĝas por personoj (lernanto, korespondanto, amanto), kaj nun ni ne uzas : *montranto* (montrilo), *tranĉanto* (klingo), *viandmanĝanto* (karnovora animalo), *kalkulanto* (numeratoro). Entute ne plu estas uzataj ĉiuj rebusaĵoj, nek logikaj nek internaciaj, kiaj estas ekzemple : *vortorompa* (perfida), *porcio,* (proviza nutraĵo), *vidilo* (lorno, teleskopo), *piedvesto* (ŝuo), *kritikaĵi* (mallaŭdi), *kvazaŭhomo* (birdtimigilo), *teejo* (te-*plantacio,* tea kampo), *kuŝujo* (*riverlito*), *pikilego* (lanco), *kampulo* (vilaĝano, kamparano), *fermentilo* (feĉo), *montlaborejo* (mina uzino) *pendingo* (pendigilo), *enspaci* (enteni, enhavi), *malhomo* (kruelulo, tirano), *liristo* (lirika poeto), *hari* (senhariĝi), *plumi* (senplumiĝi), *surbordo* (kajo), *travido* (revizado), *subĥirurgo* (flegisto, helpanto de kuracisto), *fandaĵo* (lingoto), *fabeto* (fazeolo), *dometo* (kabano), *brueto* (susuro), *acidaĵo* (kvaso), *abelviro* (fuko), *beligi* (*ornami*), *bonreligia* (ortodoksa), *tablestro* (oficeja fakestro), *kromvirino* (konkubino), *multekostaĵo* (juvelo), *internaĵo* (medolo), *subpafilego* (afusto, kanonĉaro), *purigejo* (purgatorio), *kudrilego* (aleno). *senhara* (kalva), *sammezuro* (proporcio), *marurso* (otario, foko), *turmentito* (martiro), *senkrede* (malfide), *malmizera* (komforta), *malriĉulejo* (azilo), *antaŭaĉeti* (akapari), *alfabetumi* (aboco lernolibro), *vidiĝo* (pejzaĝo), *prilaborado de vino* (vinkulturo), *falakvo* (akvofalo), *surtiri horloĝon* (streĉi ĝian risorton), *oscedulo* (gapulo, nenionfaranta strata rigardanto) *sanktaĵisto* (preĝeja diservanto) *ringego* (turbo) *malrekte* (oblikve) k.m.a. Nia generacio parte ne plu uzas tiajn vortojn parte komprenas ilin laŭradike, ekz. *teejo* (tevendejo, aŭ tetrinkejo), *pikilego* (granda pikilo), *liristo* (ludanto aŭ fabrikanto de liroj), *plumi* (fari ion per plumo), *travido* (vido tra io), *fandaĵo* (fandita metalo aŭ alia substanco), *fabeto* (eta fabo), *dometo* (eta domo), *abelviro* (viro simila al abelo iurilate), *purigejo* (ejo kie oni purigas ion, ekz. fako de fabriko), *senhara* (kiu estas sen haroj, ekz. infano, planto, zoologia speco), *marurso* (blanka urso, kiu vivas sur maro), *falakvo* (akvo (akvo, kiu falas aŭ falis), ekz. akvo de kaskado, de akvofalo).

La unua ideo de Zamenhof estis bona : formi multegon da vortoj el malmultaj radikoj, kiel faris lingvoj klasikaj : sanskrita zenda, hellena, gota, slavona, kiel faras ankoraŭ nun lingvoj : slava, germana, hungara k.a. Sed la aŭtoro ne sciis kondiĉojn de tia funkciado, kaj speciale funkciado en artefarita lingvo, kiu bezonas klarajn principojn kaj regulojn. Neniam estis formulita la principo de vortkunmetado, nek en la Fundamento, nek ĉe la LK. Tial sekvis granda kaoso kaj konfuzo : oni ne sciis ĉu la vorto *dometo* signifas nur etan domon, aŭ novan specon (kabano), ĉu *korveto* estas nur malgranda korvo aŭ tute alia speco (monedo). Efektive la aŭtoro mem permesis al si duoblan uzon de la sufiksoj, jen por formi memkomprenneblajn vortojn, kies senco estas nur mekanika sumo de la eroj (ekz. sam-ide-an-o, ŝip-an-ar-o, doktor-edz-in-o, vent-et-o, inter-es-eg-a, ktp), jen por formi specialajn vortojn, en kiuj la eroj kunfandiĝis por formi unu tuton neanalizeblan, sed lernendan kiel unuradika vorto (ekz. pafilo = fuzilo) pafilego = kanono, tranĉilo = culter, couteau, homaro = humanité, arbaro = silva, vortaro = leksikono k.m.a.). La popolo esperantista, kiu instinkte volis eviti tiun dusencecon, preferis novajn radikojn, eĉ netrafajn, ol la dubaĵojn. Naciaj lingvoj posedas specialajn sufiksojn por formi apartajn vortojn, sen risko de miskompreno. Esperanto povus pliriĉigi sian sistemon per tiaj sufiksoj (patro-patrono, avio-aviono, eskadro-eskadrono, kano-kanelo, laŭro laŭrelo, karoto-karotelo, mirto-mirtelo, piro-pirolo, kampano-kampanolo, k.a.).

La sufikso *-ec-* travivas kuriozan evoluon. En la komenco Zamenhof uzis ĝin modere, en kazoj de sentebla bezono, skribante ankoraŭ : *eblo, kapablo, belo,* kvankam li uzis ankaŭ : *justeco, kurbeco, riĉeco.* Eĉ hodiaŭ ni sentas, ke ĝi estas absolute uzenda por esprimi kvalitojn, kiuj devenas el substantivoj : *amikeco, kuraĝeco, heroeco.* Sed posta nacia influo aperigis multajn balastajn kunmetaĵojn, kun senutilaj sufiksoj, kaj kun ili la ec-vortojn : *ebleco, boneco, juneco, lerteco, riĉeco,...* kiuj devis senci : *eblo, bono, junaĝo, lerto, riĉajo.* Tiaj naciaj vortoj, kiaj ekz. *jeunesse, richesse, lovelines, belieza, bellezza* facile sugestis la « belecon » kaj la « riĉecon ». En 1910-12, De Saussure kaj liaj samopiniantoj evidente montris la eraran trouzon de tiaj sufiksoj. Lia principo de « neceso kaj sufiĉo » estis kvązaŭ grumble « sankciita » de la Esperantista Akademio, sen la cito de lia nomo, kaj kun la jam matura volo eksigi lin.

*(Daŭrigo sekvos)*

## Kelkaj libroj

| | USA dolaroj Ordinara prezo | Nuna prezo |
|---|---|---|
| **Arišima:** Deklaracio__ __ | 0.54 | 0.30 |
| **Hajaŝi:** Bildlibro sen bildoj | 0.34 | 0.17 |
| **Inoue:** Esperanto Legolibro | 0.34 | 0 17 |
| **Joĉasien:** Astronomio __ | 0 10 | 0.06 |
| **Luyken:** Stranga heredaĵo | 1.— | 0 50 |
| **Musset:** Mimi Pinson __ | 0.44 | 0.28 |
| **Okamoto:** Nova Vortaro Japana Esp. __ __ __ __ | 2 70 | 1.50 |
| **Rajnis:** Amo estas pli forta ol morto __ __ __ __ __ | 1.10 | 0.68 |
| **Wolski:** Ĉu ĝi estas nur fabelo__ __ __ __ __ __ | 1.10 | 0 70 |
| **Wüster, E.:** Zamenhofa radikaro __ __ __ __ __ | 0.82 | 0.30 |
| Belga Antologio __ __ __ | 2.20 | 1 30 |
| **Bleier-Kökény-Ŝirjaev;** Enciklopedio de Esp. __ | 6.— | 3.50 |
| **Briquet:** Medicina fakvortaro__ __ __ __ __ __ __ | 2.— | 1.20 |
| Bulgara Antologio__ __ __ | 1.40 | 0 80 |
| Estona Antologio__ __ __ | 0.70 | 0 35 |
| **Goldschmidt:** Bildotabuloj | 1 20 | 0.50 |
| **Haeffker:** Jarmiloj pasas I.—II. __ __ __ __ __ __ | 2 20 | 1.50 |



## Aspekto ne dimanĉa — por prezo ne plu tranĉa sed enhave ja sensanĝa

Jen kion celas la nova fako ĉe Literatura Mondo, la

### LIBROAĈETA ORGANIZAĴO (LAO)

Ĝi aĉetas kaj vendas uzitajn librojn, iom ja malpurajn, ĉifitajn, makulitajn, sed nepre pli valorajn, ol la prezo. Post kelkmonata aĉeto nun ni jam havas grandan magazenon da tiuj libroj kaj povas komenci grandstilan vendadon. Aperis ĝis nun du plenaj katalogoj kun proksimume

### KVARCENT DIVERSAJ LIBROJ

kiujn ni vendas por la 40—60%, de la vendoprezo. Inter ili

### MULTAJ MALOFTAĴOJ

Sed krom la libroj, troveblaj en tiuj listoj, LAO akceptas komision por havigo de ĉiuj libroj. ankaŭ maloftaĵoj, sendas librojn por rigardo laŭ specialaj kondiĉoj.

Prospekton kaj plenajn librolistojn ni sendas senpage al ĉiu petanto. La libroj en niaj katalogoj ekzistas ĉe ni nur en tre limigita nombro multaj nur en unu ekzemplero. Mendojn ni plenumas laŭ sinsekvo de alveno, pro tio estas konsilinde ne prokrasti la mendon.

Ni ripetas

### LA ENHAVO RESTIS SAMA — SED LA PREZO IĜIS SANA

Tio kaŭzis la ĝisnunan grandan sukceson de LAO-libroj kaj tio donis al ni la eblecon fari por tiaj libroj grandan reklamon. Tamen, ni petas vin,

### AĈETU LIBROJN NUR DE L. A. O.

se vi ne volas fieri pri la aspekto de via biblioteko kaj se via poŝo ne ebligas la aĉeton de la pli multekostaj novaj libroj.

### NI KONTENTIGOS VIAJN DEZIROJN

nur se vi ne apartenas al la supra, malgranda kategorio de esperantistaj libroaĉetantoj, tre necesaj por nia movado.

Apude kelkaj specimenoj el niaj librolistoj.

## Kelkaj maloftaĵoj

**Prezofertojn ni petas de la aĉetontoj kaj interesiĝantoj.**

**Dickens:** La batalo de l' Vivo (Zamenhof)
**Ramuz:** Aline, svisa rakonto (Saussure)
**Grabowski:** Kondukanta Antologio 2 eld.
**Grabowski:** Nova Antologio
**Renan:** Vivo de Jesuo
Plena Kolekto de Lingvo Internacia
**Mosse:** La sonĝo de Makaro

## Sendu monon al ni nur laŭ la jenaj vojoj:

**AŬSTRUJO:** Al la poŝtĉekkonto de Johann Sieghartner, Wien Nro. B. 59.136.
**BULGARUJO:** Bulgara Esperanto Asocio, Sofio, str. Alabin 50.
**ĈEĤOSLOVAKUJO:** Al la poŝtĉekkonto de Bleier Vilmos, Praha, Nro. 501,188.
**DANUJO:** Al la poŝtĉekkonto de Bleier Vilmos, Kopenhago Nro. 4925.
**ESTONUJO:** Poŝtmandaton per fr. fr. al Budapest.
**FRANCUJO:** Al la poŝtĉekkonto de Bleier Vilmos, Paris C. 20.50 35.
**HISPANUJO:** Ferdinand Montserrat, Barcelona, str. Provenza 75.
**HUNGARUJO:** Al la poŝtĉekkonto de Bleier Vilmos, Budapest, Nro. 25.168.
**ITALUJO:** Al A. Paolet, St. Vito al Tagliamento, por konto de Literatura Mondo.
**JAPANUJO:** Al Japana Esperanto Instituto, Tokio, Hongoo Motomaĉi 1.
**JUGOSLAVUJO:** Al la poŝtĉekkonto de Bleier Vilmos, Ljubljana Nro.
**LATVUJO:** Al la poŝtĉekkonto de Bleier Vilmos, Riga Nro. 2210.
**POLUJO:** Al la poŝtĉekkonto de Adm. Literatura Mondo, Warszawa, Nro. 196.025,
**PORTUGALUJO:** Al Saldanha Carreira, Lisboa, Av. Duquê de Loulé 50.
**RUMANUJO:** Esperanto Instituto Rumana, Cluj str. Gelu 9.
**SVISUJO:** Al la poŝtĉekkonto de Hans Jakob Genève I. 7003.
**SVEDUJO:** Al la poŝtĉekkonto de Bleier Vilmos, Stockholm, Nro. 74379.

Ni akceptas ankaŭ internaciajn poŝtajn resp.-kuponojn el la valoro de 8 cendoj por unu kupono, aŭ UEA resp.-kup. en borsa valoro (30 centimoj = 7 cendoj).
El landoj ĉi tie ne notitaj oni sendu poŝtmandaton al Bureaux de Cheques Posteaux Paris, dorsflankon skribu: konto Bleier Vilmos Paris C. 20.50 35



| | USA dolaroj Ordinara pre o | prezo |
|---|---|---|
| **Hulst:** Jaĉjo Holm kaj iaj amikoj__ __ __ __ __ __ | 1.50 | 1.— |
| Hungara Antologio __ __ | 2.20 | 1.20 |
| **Jelušić:** Cezaro __ __ __ | 1.75 | 1.— |
| **Kalocsay—Waringhien:** Plena Gramatiko de Esperanto I. eld. __ __ __ | 2.— | 0.90 |
| **Kamaryt:** Filozofia Vortaro__ __ __ __ __ __ __ | 1.30 | 0.80 |
| Kataluna Antologio __ __ | 1 40 | 0.90 |
| **Munthe, Axel:** Romano de San Michele__ __ __ | 1.80 | 1.20 |
| **Nitti:** Eŭropo ĉe la abismo | 1 40 | 0 40 |
| **Prus-Kabe:** Faraono I II III | 2,20 | 1.20 |
| **Remarque:** En okcidento nenio nova __ __ __ __ | 1,30 | 0.75 |
| **Welzl, Jan:** Tridek jarojn en la Ora Nordo __ __ | 1 80 | 1.10 |
| **Wladyka, Ladislav:** Mi en Li __ __ __ __ __ __ | 1,25 | 0.85 |
| **Wüster, E:** Enciklopedia Vortaro I.-II.-III.-IV. __ | 15.— | 6.— |

Aldonu 10% por sendkostoj.
Ĉiu rekomendita pakaĵo kostas 0.10 dol pli



## Bibliografia Servo

*H. W. Van Loon:* Rigardu la Teron. Trad. G. Saville. Eld. Literatura Mondo, Budapest. 454 paĝoj. Formato 23×15,5 cm. Prezo en usonaj dolaroj: Broŝ. 2,60; bind. 2.95. Aldonu 10% por sendkostoj. (1937-36).

*D-ro Leon Ŝwiazawski:* Natura Ordo Socia. Eld. Lidia Ŝwiazawski, Kraków. 32 paĝoj. Formato 16,5×12 cm. Prezo ne indikita. (1937-37).

*D-ro Antoni Czubrynski:* Interŝtata Esperanto-Akordo pri la Enkonduko de Esperanto en la Lernejojn. Eld. Loka Kongresa Komitato de la 29-a Kongreso en Warszawa. 18 paĝoj. Formato 16,5×12 cm. Prezo ne indikita (1937-38).

*** Nia Vojo. Aktualaj Problemoj de Moderna Internacia Vivo kaj Laboro Eld. I.P.E. Józef Przyborowski, ul. 6-go Sierpnia 20, m. 47, Warszawa. 24 paĝoj. Formato 16,5×12 cm. Prezo : 2 ekz. po 1 respondkupono (1937-39).



## Niaj Mortintoj

*Kun bedaŭro ni sciiĝis pri la forpaso de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas esprimon de nia kora simpatio.*

Nur nun ni ekscias pri la forpaso de *S-ro Heinrich Rippel*, poŝtoficisto, fondinto kaj senlaca gvidinto de la grupo en Würzburg, German. *Servema kaj sindona* estas la vortoj kiuj signas la vivon de tiu ĉi samideano, fidela UEA Delegito. Li mortis sekve de kormalsano, 24-an de Junio 1937.

*S-ro L. Moissenet*, Tours, Francujo, ĉefinĝeniero de Pontoj kaj Vojoj. Fervora samideano, iama prezidinto de la grupo en Tours.

*Sinjoro D-ro Stanislaw Leopold Lubliner*, patro de la kasisto de LKK de la Jubilea kaj UEA-ano. Red. Stefan Lubliner, mortis 74 jara fine de novembro 1937 en Varsovio. La mortinto mem estis fervora esperantisto kaj dum la Jubilea ricevis la oran Jubilean stelon. Li verkis aron da sciencaj medicinaj artikoloj kaj kunlaboris en kuracistaj societoj.

## Interŝanĝo

**Pardubice** [Ĉeĥoslov.] — S-ro Josef Svaton, oficisto, ONP, Husova 278, PI., 6 fl., PM., k.ĉ.l.

## Internacia Inform-Servo

Ĵurnalistoj kiuj havas intereson por interŝanĝi aktualajn artikolojn por gazetoj skribu al : Journalist Gudfred Norgaard Jepsen, Silkeborg, Danmark.

## Prospekton

ilustritan, pri Ĉeĥoslovakio senpage sendas Ĉeĥoslovaka Esperantista Informejo, Praha XIX, Uralské, 9.

## Korespondado

*Amsterdam* (Nederlando).
S-ro N. Zilver z. Jansestraat 53, PM. PI.

*Mukaĉevo* 3 (Ĉeĥoslovakujo).
S-ro A. Veverka, Internat. ul. 42 ; daŭre interŝanĝas kĉl. PM, PI kun bildoj de signifaj kulturverkoj kaj monumentoj, naciajn kantojn.

Moskvo.- S-ro Nikolao N. Saŝkin, Ĉistie Prudi, n°. 9 kv.l., PI - PM, socia vivo, edziniĝo ortodoksa religio, naciaj periodaĵoj.

## Senpage

publikigas adresojn de geknaboj, kiuj deziras korespondi, la mon. ata gazeto « La Vojo ». Adreso Redakcio : Marathonweg 15, Amsterdam, Nederlando.

## B E S - adresaro

« La 13.-a eldono de « BES-Adresaro » ne povis ankoraŭ aperi pro grava malsano de ĝia redaktoro. Sed nun ĝi estas jam preparata por la preso kaj aperos vintre 1937/38. — La jam aliĝintoj afable informu la redakcion de « BES-Adresaro », Potŝtejn, Ĉ.S.R., pri eventualaj ŝanĝoj de adresoj. »

## Poŝtmarkoj

S-ro Jiri Hromada, studento, Praha VII, Socharska, 2, PM., k.ĉ.l. Temas pri kompletigo de la albumo per ordinaraj pecoj.

## Filatelistoj

Mi interŝanĝas finnajn kaj skandinavajn poŝtmarkojn kontraŭ sudeŭropaj kaj ĉiuj ekster-eŭropaj poŝtmarkoj.

P. Blomquist, Suomen Pankki. Helsinki, Suomi.

## Filatelistoj atentu !

Ĉiu, kiu sendas al mi poŝtmarkojn de sia lando, ricevos de mia lando saman kvanton.

Josef Krolop, Franzental 38 ap. Bensen, Ĉeĥoslovakio.


Fondinto : H. Hodler, † 1920

Redakcio : Genève,
Red. : Provizora Komitato de U E A
Presis : Granchamp,
Imprimerie, Annemasse, (Hte-Savoie)
Dato: 25 Decembro 1937